3a jaro - No 10 (29) (Publication mensuelle) Oktobro 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

**1935 : Italio.**
**1936 : Aŭstrio.**
**1937 : Ĉu fine ni povos kongresi en ortodoksa ujo ?**

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu faràtaj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# PRI KAJ ĈIRKAŬ...

Kiam oni pripensas, kiun bonegan propagandon faris tra tuta Italujo ĉi-somere nia XXVII-a, kiam oni pripensas, kiom laboregis niaj fervoraj italaj amikoj por prepari taŭgan grundon al la aŭtunaj kursoj, — oni povas nur sincere bedaŭri, ke la cirkonstancoj ne permesis rikolti la fruktojn de l' kolektiva kongresa ŝvitado. — Sed estas tre verŝajne, ke nuntempe, en Italujo, ili okupiĝas pri aliaj aferoj.

☆☆☆

Pri la itala-etiopia konflikto neniu volas akcepti la respondecon. Kiu komencis ? Kiu kulpas ?

Kiu ? — CI ? VI ? LI ?...

« ... zacio ... » voĉis mallaŭte fora eĥo el homa konscio.

☆☆☆

Kio pleje mankas al tiuj etiopiuloj estas unueco Ili ja havas tiom da diversaj Ras'oj !

☆☆☆

La konflikto estas akuta kaj universala. Pli aŭ malpli ĝi koncernas ĉiujn popolojn kaj alportas al ĉiu specialan problemon : Ĉu sankcioj, — ne-sankcioj, — subteno, — intermikso, — almilito, — surdmuteco ??

Por ni, Esperantistoj, la problemo konkretiĝis sub tiu ĉi formo : « Ĉu ni diru Abisenujo aŭ Abesinujo ? »

— Feliĉa Esperanto !

☆☆☆

En itala haveneto fremda ŝipo ĵetis la ankron. De ĝia ĉefmasto gaje flirtis la dana flago. Kaj jen : el la proksimaj kvartaloj alkuris sciavidaj homoj kaj bruis, kaj gestadis, kaj minacis ĉion disrompi. — « Kio okazis ? » informiĝis la ŝipestro. Kaj la urbestro, malpli ekscitita ol la aliaj, klarigis : « Via ŝipo estas dana, ĉu ne ? Do ankaŭ ĝia kilo estas dana, ĉu ne ? Nu, ni venis por vidi, kiel aspektas... danakilo ! » (La aŭtentikeco de tiu ĉi incidento ne estas garantiata.)

☆☆☆

El konversaci-libro itala-etiopia :

« Bonan... sagon, signori, kaj koran bonvenenon ! »

« Kiom ĵetile ! Akceptu niajn plej bonajn... tankojn ! »

ALE BEN TARIP.




# Gevestaloj

Post tempo de l' someraj ekskursoj, tempo de l' aŭtunaj kursoj. Ĉiuloke, laŭ plej diversaj metodoj, oni nun vigle instruas nian karan lingvon. Kaj jam leviĝas fantome antaŭ fervora kursestro tiu ĉi demando : Kiom da rekrutoj, post la kurso, grupiĝos sub nian verdan standardon ?

Post la kurso ! Tie ja oscedas la profunda truo, kiun superponti ankoraŭ neniu sukcesis, en kiun malaperas por ĉiam tro da eks-kursanoj. Daŭrigaj kursoj kaj aliaj aranĝoj ĝis nun havis nur minimuman sukceson. Necesas do elpensi ion novan por subteni la interesiĝon de l' freŝe bakitaj adeptoj.

Kial Esperanto ne havus siajn gevestalojn, kies tasko estos, simile al tiu de iliaj antikvaj koleginoj, vigligi la sanktan flamon ? — Imagu, ke finiĝis en via urbo la Esperanto-kursoj kun la kutima bona rezultato. La lernintoj dankas la instruiston kaj Dion, ke ĉio fine finiĝis. Ili estas pretaj disiri kaj ne reveni. Tiam invitu al via urbo kvinon da vestalinoj por viaj viraj kursanoj, kaj eble saman nombron da vestaloj por viaj inaj elementoj. Se niaj gevestaloj estas amindaj, ĉarmaj, ravaj, kiaj ili necese devos esti, la novaj Esperantistoj baldaŭ tre aktive interesiĝos pri la gevestaloj, kiuj — kompreneble — ŝcipovos paroli nur nian lingvon ; kiuj lerte subtenos sekretajn esperojn en ĉiuj koroj senescepte, kuraĝigos timemajn dezirojn kaj kondukos la pacientojn tra la Amo definitive al Esperanto. Sed atentu bone, kvin minutojn antaŭ fatala eksplodo niaj vestaloj kaj vestalinetoj malaperos en alian urbon. Ĉar estos esenca postulo en tiu ĉi nova monaĥ-ordeno, ke la membroj restu, se ne virgaj, almenaŭ fraŭlaj.

La deĵoranta Pirato.

# Peco da bonhumoro

Ĵus aperis, en la kolekto de Franca Esperanto-Instituto, plaĉa volumeto « Facilaj Esperantaj Legaĵoj », kiujn lerte kompilis nia bona amiko, Prof. G. Waringhien Laŭdi aŭ rekomendi tiun verketon, kiel ĝi sendube meritas, ne estas nia tasko, sed ni konstatu, ke ĝi estas amuza kaj interesa eĉ ĝis la lasta kovrilpaĝo, kvankam tiu ĉi ne plu submetiĝis al la alta aŭtoritateco de l' bona kompilulo. La lasta kovrilpaĝo apartenas al la Esperantista Centra Librejo, kiu komunikas tie sian originalan vidpunkton pri la

VENDADO DE LA ESPERANTAJ LIBROJ

« Jam Esperanto disvolviĝis tiagrade, ke estas neeble al iu Librejo, eĉ sidanta en granda ĉefurbo, okupiĝi pri la vendado de *ĉiuj* Esperantaj libroj. Cetere, multege el ili estas nun elĉerpitaj kaj ne plu troveblaj. Sed, ke oni pripensu ĝisfunde, kia laboro estos post multaj jaroj, kiam aperos 100.000 libroj ĉiujare! Eĉ, se unu sola librejo estus difinita en la mondo por tia ofico, ĝi bankrotus rapide pro la elspezoj por la administrado, luado de la loko necesa, pago de la granda oficistaro. Do, ĉiu librejo povas kaj povos okupiĝi nur pri la vendado de la plej taŭgaj libroj por sia Klientaro. . . . . »

« La Esperantista Librejo ĉiam plenumas la mendojn plej rapide, sed kelkfoje okazas baroj (oni pripensu mem pri ilia grandega diverseco), kiuj tion ne ebligas. Do, la Esperantistoj, kiuj tion komprenas, provas fari mem plej frue siajn mendojn, por ke ili ne bezonu postuli tro rapidajn servojn. . . kiuj estas iafoje ne plu plenumeblaj ĝustatempe. »



Ni ne dubas, ke la ĉi supraj konkludoj estas la frukto de longjara, pacienca filozofado kaj ni estas certaj, ke ili multe kunhelpos al edukado de tiuj fuŝuloj, kiujn oni nomas « la klientoj ». Sed tamen kaj malgraŭ ĉio dirita, ŝajnas al ni strange, ke kiun ajn naci- aŭ internaci-lingvan verkon oni povas mendi kaj sufiĉe rapide ricevi ĉe kiu ajn ne-Esperantista Centra Librejo. Kiel klarigi tion?

# La pajlero kaj la trabeto

Kaj vi konkludos mem. Jen mallonge :

1-a punkto. — La 30-an de Aŭgusto 1935 solene kunvenis la Estraro de la Esperanto Asocio de Estonio. Dum tiu ĉi kunveno oni konstatis, ke « aliĝi al UEA la Esp. Asocio de Estonio ne povas pro la alta kotizo, kaj UEA ankaŭ ne ŝajnas interesita havi membrojn en landoj kun malbona valuto ».

2-a punkto. — Dum la sama kunveno la sama Estraro decidis ankaŭ, ke « oni informos la ses societojn, ankoraŭ nepagintajn sian kotizon al la Esp. Asocio de Estonio, ke la Esp. Asocio de Estonio estas devigita interrompi provizore la sendadon de la senpaga bulteno kaj cirkuleroj al ili kaj ke iliaj anoj ne plu rajtas ricevi librojn el la biblioteko. . . . »

3-a punkto. — La ses societoj, ankoraŭ nepagintaj sian kotizon, skribis al ni, sur poŝtkarto neafrankita :

« Aliĝi al Esp. Asocio de Estonio ni ne povas pro la alta kotizo kaj la Esp. Asocio de Estonio ankaŭ ne ŝajnas interesita havi membrojn, kiuj ne pagas. »

4-a punkto. — Fina punkto! A. B. C. Awful.

# La Kavaliroj de la Verda Stelo



*Wranka Dragutin.*

## S-ro Reg. Kons. Hugo Steiner radiovarbas...

Gesinjoroj, gesinjoroj, atentu, nun mi parolos, kaj primeditu bone, kion mi diras al vi: Se vi preferas al mia parolo la ventroskuan takton de moderna dancmuziko, se vi preferas la histeriajn blekojn de duongraveda primadono, se vi preferas nubajn disertaciojn pri sciencaj aŭ politikaj subtilaĵoj, se vi preferas sensacian raporton pri banala sport-evento aŭ meteorologian antaŭsciigon, se vi ne plu kapablas entuziasme varmiĝi pri altaj idealoj, pri voko de l' Belo kaj Bono,

tiam, gesinjoroj, turnu la butonon de via radiokesto! Mi ne parolos por vi.

Sed al tiuj, kiuj aŭskultas min, mi diras tute sincere: Hodiaŭ vespere mi ne venis antaŭ tiun mikrofonon por vendi ion al vi, mi ne venis por reklami miraklan varon. Ne! Mi venis tute simple, por anonci al vi, ke la 28-a Universala Kongreso de Esperanto okazos de la 8-a ĝis la 15-a de Aŭgusto 1936 — (la jaro de l' ŝuk-6!) — en Wien. Aŭskultu! Wien vokas Vin, aŭ... Vin vokas Wien!

Aliĝu, aliĝu, aliĝu, gesinjoroj. Ni preparis por vi eksterordinaran programon, unikan programon, gigantan programon! Vi vidos, unue, la tutan trupon de UEA ludi la faman Harmonian Koncerton, — vi vidos la plej famajn klaŭnojn el diversaj landoj, en kostumoj tute originalaj, vi vidos statistikajn ĵonglistojn kaj statut-akrobatojn, kaj — unuafoje en Eŭropo kaj Usono — vi ĉeestos la imponan prezenton de aŭtentikaj ŝtatministroj, libere dresitaj, en diversaj monologoj, deklam-numeroj kaj interesaj skeĉoj. Sed jam nun mi tre energie petas, ke oni ne incitu la ministrojn. Ili faros konscience, kion ili povos, kaj cetere jam nun, sub mia persona gvido, ekzercadas siajn rolojn. Ne maltrafu tiun fenomenan prezentadon, kiun ni organizas por vi, sen ia prezaltigo! Enirpago nur 48 ŝilingoj aŭ 20 svisaj frankoj, — soldatoj kaj suĉinfanoj pagos la duonon. Kaj ne forgesu aldoni donaceton por la Esperanto-Muzeo. Ni danke akceptos eĉ la plej etajn sendaĵojn, ekzemple, uzitajn poŝtmarkojn, multvalorajn librojn, malnovajn razoklingojn, antikvajn matrac-risortojn, dentobrosojn, harpinglojn, kriplajn pulĉinelojn, ŝinkopecojn, sardelskatolojn kaj ĝenerale ĉion, kio estas iel negocebla.

Aliĝu, aliĝu, aliĝu kiel eble plej frue, ĉar — kiel asertis sankta Mateo, multaj unuaj estos la lastaj kaj la lastaj estos unuaj.

Kaj kiam vi skribos al mi, ne forgesu aldoni respondkuponon.

(Laŭ stenografaĵo de Sala Fumal.)

# Sur nur strato *)

« Bonan tagon, S-ro Ĝemego, kiel vi fartas ? »
« Ne tre bone, mi dankas. »
« Kion vi havas, do ? »
« Ha ! Jen ĝuste la malagrablaĵo, mi havas nenion. »
« Ĉu vi estas senlabora ? »
« Bedaŭrinde, jes. »
« Kion vi faras, do ? »
« Nu, mi ekskursadas kun mia fianĉino. Kion alian oni povas fari tiukaze ? »
« Kompreneble. Kion vi atendas ? »
« Supozeble ŝi akuŝos en Marto venonta. »
« Kaj la parencoj ? »
« Tre malbone, S-ro Litcimo, la avo mortis. »
« Mi kompatas. Kiel li malsaniĝis ? »
« Li ne malsaniĝis. Li surmarŝis sur banan-ŝelon kaj frakasis al si la kranion, ankaŭ la okulvitrojn de la onklino, kiujn li ŝtelis. »
« Kompreneble iu damninda burĝo tien metis ĝin. »
« Kion ? »
« La banan-ŝelon. »
« Kompreneble. Kiu alia manĝas bananojn ? »
« Kaj la patro ? »
« Bedaŭrinde li neniam sukcesas perlabori. »
« Kompatindulo ! Tamen li ŝajnas al mi kapabla kaj vigla. »
« Ĝuste. Sed bedaŭrinde li persistas vendi muŝkaptilojn en la vintro kaj glitkurilojn en la somero. »
« Kiel domaĝe ! Oni devus klarigi al li, ke vendante glitkurilojn en la vintro kaj muŝkaptilojn en la somero, eble li povus riĉiĝi. »
« Ĝuste tion li ne deziras, li abomenas la kapitalismon. »

---

*) Komparu ankaŭ la romanon « Tur-Strato 4 », kiu pritraktas la saman temon.

« Kompreneble. De kiam li tiel persistadis ? »

« De post la militego. Li estis puriganta sur iu strato, kiam oni sciigis, ke malamikaj flugmaŝinoj faligas bombojn en apudan kvartalon, de tiam... »

« Kompreneble ; kaj la onklo ? »

« Ankaŭ li ne laboras. »

« Ĉu oni eksigis lin ? »

« Ne ĝuste. Li ankoraŭ ne sukcesis sin komencigi. »

« Kial ? »

« Estas malfacile klarigeble. Li diras, ke ĉiufoje kiam li tion pripensas, li kvazaŭ ekmalsaniĝas. »

« Tre bedaŭrinde ! Kaj pri via bopatro ? »

« Terure. S-ro Litcimo, vi scias, kiel li kutimis pasie serĉi manĝeblajn fungojn en la arbaroj... »

« Mi ja memoras pri tio. »

« Nu, iutage li erare intermiksis kelkajn nemanĝeblajn kaj... la enterigo okazis lastlunde. »

« Kiel domaĝe ! Kaj kiel fartas via frato kaj lia edzino kaj la infaneto ? »

« Bedaŭrinde la infaneton oni lasis fali el fenestro. »

« Kiel tio okazis ? »

« Nu, la patro tro trinkas kaj la patrino estas tro aldonita al kokaino. »

« Kiel domaĝe ! »

« Jes, sed kion alian fari kiam oni estas senmonaj ? »

« Kompreneble. Kaj kiel fartas via kuzo, la brikmetisto ? »

« Li havis teruran sorton, S-ro Litcimo, li enfalis malmodernan necesejon. »

« Sed via alia kuzo, la kelnero, kiam lastfoje mi renkontis lin, li ŝajnis prospera. »

« Malbonŝance li estas en malliberejo. »

« Tio estas la sola rimedo, per kiu oni certiĝas pri manĝaĵoj nuntempe. »

« Sed li tre malaprobas la tieajn filmojn, S-ro Litcimo ! »

« Kia rafinita krueleco ! Estas skandalo ! — Nu, ĝis la revido, S-ro Ĝemego. »

« Pli bone diri " Adiaŭ ". »

« Kial ? Ĉu vi estas elmigronta ? »

« Ne. Nur mi emas min mortigi, mi pensas, ke oni devas iel gajigi la venontan ĉapitron. Kiun metodon vi rekomendas ? »

« Nu, ŝajnas al mi rekomendinda la lumgaso, ĝi estas malkara, kaj sendolora kaj ĝenerale oportuna, cetere tre laŭmoda nuntempe. »

« Nu, tiukaze mi devos elekti iun alian rimedon. »

« Kial ? »

« Tiu estus tro etburĝa. »

« Efektive. Mi ne pripensis pri tio. Nu, feliĉan memmortigon ! »

« Elkoran dankon ! Bonan tagon, S-ro Litcimo. Se iam mi povos helpi vin pri memmortigo, fidu al mi. » *(Ili disiĝas.)*

V. V. (Bornea pirato).

## Esperanto — nova maniero por vivplilongigo

Inter la miloj da avantaĝoj, kiujn havas Esperanto, unu ŝajnas esti eltrovita de la francoj. Tion mi devis konkludi el rakonto de japana amiko antaŭ nelonge veninta el Parizo por viziti min.

— Kiel plaĉas al vi la Parizaj esperantistoj ?

— Ho, oni povas esti kontenta ĝenerale. Nur pri unu punkto oni devas plendi : ĉiuj estas tiom dignaj kun tiom longaj barboj, vangaj, lipaj aŭ mentonaj. Kaj gejunuloj mankas inter ili.

— Kial ? mi stulte demandis.

— Kial ? li ripetis, japane ridetante. — Nu, mi ankaŭ meditis pri tio. Sed baldaŭ mi vidis la kialon. Se inter ili ne estas gejunuloj, tio pruvas, ke Esperanto simple plilongigas la vivon ; ĉar alimaniere mi ne povus klarigi, kiel en unu grupo povas esti kune tiom da maljunuloj. Gejunuloj ŝajne estas tuj absorbataj kaj transformataj al dignoplenaj grizkapuloj.

— Vere interese. Ĉu vi atribuas tion al Esperanto ?

— Jes kaj ne. Mi ankoraŭ estas pristudanta la aferon.

— Vi diris antaŭe, ke vi tamen priplendas tion. Ĉu la maljunuloj ne imponis vin per sia saĝeco ?

— Certe ; sed mi malŝatas saĝecon, se ĝi forpelas junulojn, speciale junulinojn.

— Ha jen ! Vi celis trovi Parizaninetojn ! Sed kial vi ne turnis vin al LA PIRATO ?

Ni ĉesigis la konversacion pro senespera deflankiĝo de la temo.

Beko.

# « EKSKUZO ! » *)




— Kial vi ne venis en la oficejon hodiaŭ matene, sinjoro Muknaz?

— Mi petas pardonon, sinjoro direktoro, sed mi ne povis; oni enterigis mian kuzon.

— Sciu, sinjoro Muknaz, ke tio ne estas senkulpigo!

— Eble ne senkulpigo, sinjoro direktoro, sed certe... ekskuzo!

---

*) Ĉu vi rimarkis, ke tiu bildo entenas almenaŭ du, se ne tri, eĉ de nefakuloj konstateblaj nenormalaĵoj? — Memkompreneble, nia lerta kunlaboranto, UTO, faris tion intence... por provi vian sagacecon!




HEROLDO DE ESPERANTO (1. Sept.) — « *Propagante* Esperanton oni povas trafe uzi argumentojn.... »

*Kompreneble, — kiam oni pagas, la argumento ĉiam estas trafa!*

SAMLOKE. — « Multaj krozadanoj uzis la okazon por *epiki* sin per tiaj komercaĵoj. »

« La dezerto tamen restas dezerto, ankaŭ se oni trarajdas per moderne *epikita* aŭtobuso. »

*Rajdi sur aŭtobuso jam ŝajnas malpli danĝere ol rajdi sur leono; — sed kion signifas tiuj novaj epikaĵoj?*

SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN (Sept.) — « Mi amas oficiron, *laŭte flustris* unu el la fraŭlinoj. »

*Kaj alia fraŭlino, por respondi, verŝajne tre mallaŭte kriegis.*

HEROLDO DE ESPERANTO (8. Sept.) — El artikolo pri la Norda kaj Suda Rasoj: « Se nordano estas muzikema, li kreas muzikaĵon laŭ norda spirito, kaj *se li estas sudlandano,* li faras sian verkon laŭ suda spirito. »

*Sed unue, oni montru al ni tiun nordanon, kiu estas sudlandano!*

ESPERANTO (Aŭg.-Sept.) — « La komitatanoj estis aparte regalitaj je pompa *bufeto.* »

*Pompa aŭ ne, bufeto estas verukhaŭta besto el la familio de l'batrakoj. — Dankon pro la regalo!*

SAMLOKE. — « La grava akcidento, kies viktimo li fariĝis, ne permesis al li fari pli ol li efektive deziras esti farinta. »

*Do, ĉio estas en plej bona ordo, ĉu ne?*

SENNACIULO (25. Sept.) — « Post *komuna* tagmanĝo en diversaj restoracioj la kongresanoj plenigas la kongresejon. »

*Provu foje, partopreni la komunan tagmanĝon en diversaj restoracioj....*

INFORMOJ DE ESP. ASOCIO DE ESTONIO (Aŭg.-Sept.) — « Ni forlasas la ravan Bolzano kaj la afablajn *gesamideanojn* (samideaninoj ne ekzistas tie!), kun kiuj ni pasigis ĉiujn vesperojn... »

*Estus interese, laŭ anatomia vidpunkto, konatiĝi kun tiuj gesamideanoj, inter kiuj ne ekzistas samideaninoj!*

LA INTERLIGILO DE L' P.T.T. (Aŭg.) — El raporto de administranto: « La propagandajn sumojn ni pagis *al* nia persona poŝo. »

*La sistemo ne estas tute nova.*

SCIENCA GAZETO (Julio-Aŭg.) — El artikolo « Pliriĉigo de la muzika skalo »:

» Tercio maĵora: duongradoj, triongradoj, kvaron*grakoj*... »

*Pli bone estus, ne pliriĉigi la muzikan skalon!*

AŬSTRIA ESPERANTISTO (Okt.) — « Sidante sur la ferdeko en *komodaj* kuŝseĝoj... «

*Tiuj komodaj seĝoj estas eble praktikaj, sed certe malkomfortaj. Ne estas agrable sidi, aŭ eĉ kuŝi, en tirkesto!*

---

# KANTO DE L' LIGO (DE NACIOJ)

Laŭ W. A. Mozart *)

Ŝtatoj, voĉon donu ĥore
Kaj plenzorge, plendolore
Ni parolu pri sankci'!
Ĉion Roman forĵetante
Daŭru forte kaj konstante
Limoj de Etiopi'!

Al Ĝenevo kantu gloron:
La spiriton kaj motoron
Kial donis nobla Brit'?
Serĉi lumon per diskutoj,
Serĉi virton per statutoj
Estu bazo de l' profit'!

Homoj en negoc-aferoj,
Homoj el financaj sferoj
Aŭ de l' granda industri'!
Savi pacon de l' popolo
Kaj la fontojn de l' petrolo
Estu nia Liga kri'!

Rosa Meier.

*) Fundamenta Krestomatio, p. 330.

*NIAJ ENKETOJ*

# La Internacia Edukejo

Per oraj literoj ni enskribu en la Historion de nia Movado la nomojn de tiuj anonimaj mecenatoj, kiuj ebligis la kreon de la Internacia Edukejo. Tro kaj pli, kaj pli kaj tro laŭtiĝis dum la lastaj jaroj plendoj pri malbona konduto de certaj samideanoj. Ankoraŭ ĉiuj memoras tiujn abomenajn scenojn, kiuj okazis dum oficialaj regaloj ĉe altaj aŭtoritatuloj dum nia lasta kongreso. Nepre necesis do fari seriozan provadon por eduki al pli bonaj moroj multajn krudulojn, brutulojn kaj aliajn sovaĝulojn, kiuj ĝis nun malhonorigis niajn vicojn.

Ni estas feliĉaj sciigi al la Esperantistaro ĝenerale kaj al la interesatoj pli speciale, ke antaŭ nelonge malfermiĝis la Internacia Edukejo, kiu estas ĝis certa grado, sed sur alia kampo, komparebla kun la Internacia Cseh-Instituto. Ĝia ĉefa celo estas disvastigi inter la Esperantistoj la plej elementajn principojn de boneduko.

Ankoraŭ la malavaraj iniciatintoj de tiu laŭdinda entrepreno deziras resti nenomitaj, — sed laŭ niaj privataj enketoj ni rajtas konkludi, ke tiu Edukejo funkcios sub la aŭspicioj de niaj bonaj amikoj Hector Vermuyten kaj Pol Varens, kiuj estas certe la plej eminentaj teknikistoj de l' moderna tempo pri Boneduko. Efektive, kiel nia elita legantaro ankoraŭ ne forgesis, la unua estas la talenta aŭtoro de nia premiita poemo « La bonedukita homo » dum la dua ankaŭ talente verkis ĝuindan versaĵon : « Ho, vi, bonedukatulo .. », aperinta en Flandra Esperantisto.

Dezirante informi nian elitan legantaron kiel eble plej ĝisfunde, ni sendis al la Internacia Edukejo nian lertan kunlaboranton Jules Laribois, al kiu, cetere, laŭ ĝenerala opinio, kelkaj lecionoj pri boneduko ne povos malutili.



# Kion mi spertis

De la 15-a ĝis la 24-a de Oktobro okazis en la Internacia Edukejo, en Krudhem, la unua kurso pri « Homa kunvivado ».

*La vojaĝo.* — Kun la aliaj kursanoj mi kontaktiĝis (iom forte !) ĉe la stacidomo de Kukenforn. Ni estis pluraj centoj, atendante pli aŭ malpli pacience sur la kajo la solan vagonaron, kiu unu fojon ĉiutage veturas de Kukenforn al Krudhem. Kiam tiu prahistoria

trafik-instrumento alvenis, mi tuj komprenis, ke kun siaj kvar malgrandaj vagonetoj ĝi ne havos sufiĉe da loko por ni ĉiuj. Ŝajne ĉiuj aliaj ankaŭ sammomente tion komprenis, ĉar tuj ekkomenciĝis la granda batalo por okupi la vagonaron. Mi defendis min kiel eble plej energie, sed venkite tamen devis cedi al nekontraŭstarebla puŝado de nehaltigebla fluego. Kiam finfine mi rekonsciiĝis, mi konstatis, ke mi kuŝas grandparte en pakaĵreto de triaklasa kupeo. Mi diras «grandparte», ĉar provizore mankis mia dekstra piedo. Nur iom post iom, — estis preskaŭ neeble moviĝi — mi komprenis, ke ĝi troviĝas en la baskopoŝo de estona samideano. Kompense mi havis, dum la tuta vojaĝo, en mia buŝo la pugnon de sveda grupprezidanto. Entute mi kuŝis sufiĉe komforte en la reto; sed tial, ke mi kuŝis precize sur ŝiaj buterpanoj, iu batalema onklino daŭre kaj seninterrompe insultis min. Estas vera feliĉo, ke pro troŝtopiteco de la kupeo neniu el ni povis moviĝi. Pro tiu kaŭzo ne povis okazi internacia batado.

Kiam, post duhora veturado, ni alvenis en Krudhem, estis tre malfacila afero por eligi nin el la kupeoj. Dank' al Dio la oficistoj de l' Internacia Edukejo, kiuj tie atendis nin, havis gigantajn kulerojn, per kiuj ili elprenis nin el la vagonaro, kiel marmeladon el poto.

*Saluto al la Direktoro.* — Alveninte en la edukejo, ni estis kondukitaj al la granda salono por esti prezentataj al la Direktoro. Kelkajn minutojn poste la Direktoro eniris. Ĉar ankaŭ la aliaj kursanoj ne deprenis siajn ĉapelojn, mi faris kiel ili. Sed en la sama momento ĉiuj pordoj kaj fenestroj larĝe malfermiĝis kaj ekblovegis el misteraj fontoj uragana ventego, kiu povus renversi eĉ S-ron Kreuz, kaj kompreneble ĉiuj ĉapeloj forflugis antaŭ ol ni havis la ideon ilin reteni. Gravmiene la Direktoro diris: « Gesinjoroj, tio ĉi estis la unua leciono. Nun kuru post viaj ĉapeloj ! »

La mian mi retrovis en la parko; sur supro de l' plej alta arbo. Kompreneble.

*Vespermanĝo kaj bano.* — Dum la tuta tago oni ne nutris nin. Ekribelis la stomakoj. Kredu, ke ni havis diablan apetiton. Fine, vespere, ĉirkaŭ la 10-a, oni kondukis nin al la manĝoĉambro. Tie staris, abunde kovrita, longa kaj larĝa tablo, de kiu, kvazaŭ de pagana altaro, leviĝis al la ĉielo bonodora fumo de certe bongustaj manĝaĵoj. Sed ankoraŭ ni ne povis alproksimiĝi al tiu benita tablo. Ankoraŭ homalta palisaro nin detenis de ĝi. Kaj jen, senaverte, subite falis la palisaro, dank' al speciala meĥanismo malaperante en la plankon; nun la vojo al la tablo estis libera, kaj nun senhezite ĉiuj kursanoj manĝavidaj sin ĵetis sur la pladojn tiom allogajn; jen puŝegis, tiris, jen premis kaj frapis por validigi siajn reciprokajn rajtojn. Jam la plej kuraĝaj kaj rapidaj preskaŭ atingis la tablon, kiam ĉi tiu ekfulme malproksimiĝis kaj ĉiuj kursanoj, senescepte, falis... en la akvon. Jes, tiu fatala tablo estis starigita super banbaseno, lerte maskita kaj videbla nur, kiam la tablo retiriĝis, tio signifas, videbla tro malfrue....

Tiel okazis, ke antaŭ ol manĝi, tiun tagon, ĉiuj vole-nevole unue sin banis.

*Surmura literaturaĵo.* — Ankoraŭ multon mi povus rakonti pri la strangaj metodoj de la Internacia Edukejo kaj pri ĝiaj perfektigitaj eduk-aparatoj. Mi povus ankaŭ malkovri al vi la plej rafinitajn teoriojn pri la salona vivo; tiel, ekzemple, ke ne estas rekomendinde purigi siajn ŝuojn per la fenestro-kurtenoj, nek pruntepreni dentpurigilon de hazarda tablo-najbaro, kiun oni tute ne konas. Tiajn kaj simile utilajn aferojn vi povos lerni en la Internacia Edukejo kaj sendube vi ne bedaŭros vian restadon tie. Sed mi pensas, ke mi devas mencii ankoraŭ la specialan instalaĵon en la Internacia Necesejo. Verdire, tiu necesejo aspektas kiel ĉiuj ĝiaj kolegoj en ĉiuj civilizitaj landoj. Ankaŭ ĉi tie ĝiaj muroj estas kovritaj per sennombraj skribaĵoj, jen insultaj, jen maldecaj, jen proverbaj, jen varbaj, prozaj aŭ eĉ versaj. Kompreneble

mi ne kuraĝos redoni en tiu ĉi altnivela gazeto eĉ nur la malplej maldecan. Sufiĉas, ke mi citu, ke tie mi legis inter aliaj aforismoj: « La Piratestro estas granda azeno! » — Tute nature mi tuj elprenis mian krajonon por aldoni mian plenan aprobon kaj personan opinion. Sed apenaŭ mia krajono estis kontaktiĝinta kun la muro, jam mi eksentis en la brako tian fulmotondron, ke rigide mi falis sur la plankon. — Tro malfrue mi komprenis. La muroj estas ĉi tie ŝargitaj kaj mi ricevis en la korpo la forton de dekĉevala elektra baterio.

*Rezultatoj.* — Oni ne povas nei, ke la rezultatoj estas grandiozaj. Propraokule mi vidis tie fame konatan svedan samideanon, kiu speciale distingiĝis dum la lasta kongreso kiel eminenta boksisto: li montriĝis milda kiel ŝafeto. Estas vere, ke ĉi tie lia bopatrino akompanis lin je ĉiu paŝo, dum en Romo li estis sola.

Kiam la direktoro alportas kukojn kaj prezentas al iu, por ke li manĝu, ĉi tiu ĉiam petas unue sian najbaron aŭ ĉeestantajn sinjorinojn, ke ili bonvolu preni unue. Ĉar ankoraŭ li ne forgesis la surprizojn de la pipro-krakenoj kaj mustard-flanoj! — Kiam oni kondukas nin al iu ĉambro aŭ salono, ĉiuj haltas modeste ĉe la enirejo kaj insistas tiel ĝentile, por ke vi eniru unua, ke dece vi ne povas rifuzi. Kaj tiel okazas, ke estas vi, kiu ricevas akvo-sitelon sur la kapo. Kaj kiam ni adiaŭis la direktoron, mi garantias al vi, ke neniu ĉapelo restis sur la kapoj. Oni povas do aserti, sen ia troigo, ke forlasante la Internacian Edukejon post kelktaga rapidkurso, oni havas la impreson, ke oni estas civilizita homo.

Sekve mi konkludas, ke oni povas senhezite rekomendi en ĉiuj Esperantaj grupoj la Internacian Edukejon.

JULES LARIBOIS.

°°OOO°°

*LA FERDEKO DE L' PASAĜEROJ*

# Fatala bildo

Nia elita legantaro sendube ankoraŭ memoras la belan bildon, publikigitan en nia septembra numero, pri la dormado sur la kongresŝipo Sinaia. Nu, precize pri tiu bildo temas la sekvanta letero:

Zemun, la 4-an de Okt. 1935.

Estimata Piratestro!

Longe mi meditis ĉi tiun fojon, ĉu plilongigi mian abonon al via, alie tre ŝatata kaj respektinda gazeto. Ĉar, pro Dio, ĉu vi ne havis alian laboron ol publikigi tian bildon pri la komuna dormado sur la ferdeko de Sinaia? — Ĵus mi estis konvinkinta la edzinon pri mia honesta konduto (kiun cetere neniu alia pridubis krom ŝi) dum la krozado, kiam tiu ĉi bildo trafis ŝian vidon. Nun, ŝi eĉ trovas, ke la dormanto tenanta la manon de la ĉarmulino apud si, tre similas al mi! Vane mi protestas, asertante, ke tio povas esti nur svedo (ĉar mi supozas, ke nur glaciigita svedo povas tiel trankvile dormi en tia ravoplena situacio), ŝi nenion aŭdi volas pri tio. Kaj nun, adiaŭ mia promeso pri la rerenkontiĝo en Vieno!

Cetere, tia man-en-mano-tenado dum la dormado (aŭ kuŝado) sur la ferdeko estas nura fantazio de la desegnisto. Neniu el la krozadanoj povis vidi ion similan. Oni ja ĉiam zorgis pri sufiĉa mallumo.

Tiu ago viaflanka povas konduki al teruraj konsekvencoj kaj estas nek lojala, nek kolegeca. (Kolegoj ni fariĝis post kiam ni kaperis Sinaian. La diferenco estas nur, ke vi kaperas ĉiumonate kaj ni je ĉiu 27-a kongreso.) Retenas min de malfideliĝo nur la deziro resti inter la elita legantaro....

Do, alian fojon, pli da atento!

BRANKO RAJŜIĈ.



Ni sincere bedaŭras, ke ni metis nian amikon en tre embarasan situacion. Sed kion fari, por tion ripari?

*Le Gérant:* ROGER BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14ᵉ — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝtĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Ĉiuj poŝtoficejoj akceptas poŝtmandatojn por J. Solsona, 9, rue Hallé, *Paris-XIV*[e]. — Unu jaro : RM 2,—.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**